2.ª Ep. AÑO II, N.º 7 (143) MAYO - JUNIO 1964

# Boletin

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA



Pro la ĝuinda programo, kiu aperas en la mezaj paĝoj, kaj pro la jubilea kaj brila karaktero de nia Kongreso, ni esperas ke neniu el niaj samideanoj mankos al la rendevuo kiun li kaj Esperanto havas en nia Kongresurbo, la bela Valencio, de la 21ª ĝis la 24ª Julio 1964ª.

La bildo montras la gracoplenan palacon Ripalda, kaj la aleon

BOLETIN DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

Redakcia Komitato:
Angel Salete
Nicolás L. Escartín
Emilio Gastón

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko
kaj informado sendu al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Dro. E. Tudela
Str. Ruzafa, 41 - VALENCIA



## Jen nia sekretariino...

Recuerdo de nuevo a nuestros samideanos que piensan asistir al Congreso, que envíen sus aliĝiloj lo antes posible para poder gestionar el asunto de los alojamientos.

Tal como indiqué en el Boletín anterior es necesario que quienes estimen que el Reglamento de H.E.F. debe ser modificado en alguno de sus puntos, nos envíen sus sugerencias.

Otro asunto que no debe ser olvidado ni descuidado es el que se refiere al Congreso de 1965. Pido de nuevo a los esperantistas que consideren las posibilidades de sus respectivas localidades, y nos escriban.

También me complace comunicarles que ya han llegado algunos trabajos para el CONCURSO LITERARIO, que promete alcanzar este año el máximo interés. ¡Animo y a escribir!

Y, para final, pido una vez más la colaboración de todos para que nuestro Congreso alcance el éxito que ya de antemano calculamos y deseamos.

INES GASTON

* Je via dispono ni havas belajn kolorajn poŝtkartojn pri la venonta Kongreso, eldonitaj en Valencio. Prezo: 2 ptojn. ekzemplero.

* Belajn pk. kaj kovertojn pretigis por vi la eldona Fako de H.E.F. vide al la Esperanto-kongreso okazonta en Valencio de la 21.ª ĝis la 24.ª de julio 1964a. Prezo: Poŝtk, kvin ptojn la deko. Kovertoj, kvin ptojn la deko.

* Ankaŭ vi povas mendi jam la belajn glumarkojn de la Kongreso. Prezo: folieto kun 6 gm. 1,50 ptjn.

# XXV[a] HISPANA JUBILEA KONGRESO DE ESPERANTO

Esperantistaro de la tuta mondo, Valencio vin invitas!

Samkiel ĉiujare la reĝino de valenciaj martfestoj alvokas ĉiujn el la supra parto de la Turoj de Serranos, ni, gevalencianoj, simbole hodiaŭ alvokas la tutan esperantistaron kaj invitas ĝin ĉeesti nian 25-an hispanan jubilean kongreson, kiu okazos venontan julion en nia urbo.

Tra la aero kiu en alia tempo aŭdis la muzikon de Salvador Giner kaj de José Serrano, tra la etoso kiu sentis la belecon de l'prozo de Blasco Ibáñez kaj de l' versoj de Teodoro Llorente, nun trairas nia alvoko al la tuta esperantistaro petante ke ĝi ĉeestu nian kongreson.

El la urbo kie iam naskiĝis la marpentraĵoj de Sorolla kaj la skulptaĵoj de Benlliure; el la lando de la floroj kaj de la aero dolĉe parfumita de la oranĝoj, nun eliras nia alvoko al la tutmonda esperantistaro kiun ni invitas viziti nin dum venonta julio.

Esperantistaro de la tuta mondo, Valencio vin atendas!

*Santiago Miquel*

Prezidanto de la Loka Kongreskomitato

# LA XXXª KONGRESO DE I. K. U. E. EN VALENCIA

## 24ª - 29ª de Julio 1964ª

Kiel anoncite, la XXXª kongreso de I.K.U.E. okazos en Valencia, tuj post la XXVª kongreso de H.E.F.

La organizantoj de tiu kongreso celis, ĉefe, ke hispanaj esperantistoj havu eblecon por ĉeesti internacian esperantistan kongreson, kio estas, ja, ege malfacile por la plejparto el ili. Do, la esperantista medio estos, ĉijare, vere internacia, ĉar estas antaŭvideble ke multaj hispanoj ĉeestos ankaŭ la duan kongreson, sammaniere ke multaj eksterlandanoj jam anoncis sian fruan alvenon, por ĉeesti nian nacian kongreson.

Tial, ni konsilas al la hispanaj partoprenontoj, ke ili antaŭmendu la loĝadon, pensante je pli longa restado ol la daŭro de la kongreso de H.E.F., kiu, pro mallonga tempodaŭro, devas okazigi kelkajn erojn postkongrese. La ekskurso de H.E.F. al Cheste —dum la 26ª— povas esti neforgesebla okazaĵo, kiun neniu esperantisto devas manki.

La kongreso de I.K.U.E., ekster la kadro de la laborkunsidoj, kiuj, kompreneble, estas la kerno de la kunveno, prezentos, ankaŭ, fortajn altiraĵojn (folklorajn festojn, ekskursojn al belaj valenciaj ĉirkaŭaĵoj, muzikan festivalon, k. t. p.), kiuj estos, sendube, tre ŝatataj de ĉiuj esperantistoj. Tiel la ekskurso al la ruinoj de Sagunto kaj al la mirinda belvedero Monte Picayo, kiel tiu al strando Saler, lago Albufera kaj belpanorama Cullera, konsistigos sekurajn rememoraĵojn, ĉefe, pro la internacia partoprenantaro.

En sekvonta bulteno, ni precizigos la programon kaj ni prezentos aliĝilojn por la ekskursoj, ĉar oni devas mendi la busojn tre antaŭtempe. La sinsekva okazigo de ambaŭ kongresoj devas elmontri la perfektan interfratiĝon kiu devas regi inter ĉiuj samideanoj.

La Estraro de I. K. U. E. fiksis kotizon kiu estas nekutime alta por ni, hispanoj, sed estas antaŭvideble ke, por kongresanoj de H. E. F., oni proponos specialan kotizon, kiu montros la favoran inklinon de hispanoj al niaj internaciaj gastoj, kiuj devas reveni en siajn landojn kunportante nemankeblan impreson de frata kunvivado.

Dro. R. HERRERO
Sekretario de la Kongreskomitato de IKUE

---



## NEKROLOGO

Neatendita Forpaso.

S-ro. Jozefo Pascual Camarasa, 53jara esperantisto el Vich, subite mortis pro koratako la 29an de Marto.

Lia morto konsistigis fortan baton, ne nur por la loka Esperantista Grupo, kies ĉiama gvidinto li estis, sed ankaŭ por la tuta samideanaro.

Kiel fervora membro de H. E. F., li partoprenis la Katalunajn Renkontiĝojn kaj Naciajn Kongresojn de Esperanto.

Fidela amiko de S-ro Jacint Comella, stariginto de la «Premio Comella-Bassols», antaŭjare forpasinta, S-ro Pascual restis tagon post tago apud la Vichana artisto ĝis ties lasta momento, kaj prizorgis ĉion pri la respektiva entombigo. Tiu belega trajto klare montras lian personecon.

Dum konstanta kaj malavara laborado favore al nia movado, li sciis altiri al si la sinceran estimon de ĉiuj per sia kontaĝa simpatio, sindonemo kaj bonkoreco.

Lia devizo: Vivi pace kaj ami ĉiujn, plene evidentiĝis okaze de lia funebra ceremonio, kiu estis vere amasa dolormanifestacio.

Ni esprimas al lia ĉagrenplena familio nian sinceran kondolencon kaj la ateston de nia dumviva amikeco.

KE LI PACE RIPOZU!

# Pensamientos sobre una nueva educación

*A María Montessori, ilustre educadora, precursora de una educación más racional; con admiración, reconocimiento y gratitud.*

*Nicolás L. Escartín*

— ***Educar al educador***; henos aquí ante un grave problema y una urgente tarea.

— Educar es algo más que entrenar la memoria, algo más que suministrar información sobre el pasado y el presente. Empero, el pasado debe ser estudiado y comprendido. De él debe surgir lo nuevo, dando flor y fruto.

— Unir las partes integrantes del hombre, hacer que éste se una a su medio ambiente inmediato y, después, a ese Todo mayor donde tiene su parte a desempeñar; esto es verdadera educación.

— Cultivar el gusto por la Literatura, la Música y el arte en general; aumentar la capacidad para analizar los problemas y obtener conclusiones equilibradas; desarrollar el sentido de los valores, y ayudar a crear una filosofía *individual* eficiente; he aquí los objetivos principales de toda educación.

— Y ahora, dos preguntas: ¿Cuál es la naturaleza de la mente? —¿Cuáles son las leyes del pensamiento?

¿Y qué nos sugieren estas palabras del Dr. Rhine: «It is shocking but true that we know the atom to-day better than we know the mind that know the atom». (Es sorprendente pero cierto, hoy conocemos mejor al átomo que a la mente que conoce al átomo).

— La educación enfrenta hoy una necesidad fundamental: Relacionar el proceso de desarrollo de la mentalidad humana con el mundo subjetivo de los *significados*, y no con el mundo objetivo de los *fenómenos*.

— Entrenar y dirigir los instintos del niño, y enseñarle a utilizar *correctamente* su intelecto es primordial obligación de todo educador.

— Porque el hombre debe ser: correcto en sus instintos, sano de intelecto, y *consciente* en su intuición.

— Porque es primordial una interpretación *correcta* de la vida.

— Cultivar el idealismo de manera consciente y definitiva; incitar a la aplicación práctica de los ideales; unir en la conciencia los mundos de apariencias, valores y significados; es de suprema necesidad. Y comencemos también a relacionar el mundo de la vida objetiva externa con el de la vida subjetiva interna.

— El niño debe ser entrenado en el uso correcto de la facultad discriminadora de manera que sea capaz de seleccionar y dirigir su propósito. Es necesario que adquiera, de una manera consciente y científica, una comprensión fundamental de los distintos aspectos del ser humano. Ello producirá coordinación y síntesis, amén de una mayor expansión de consciencia por el establecimiento dentro de sí de líneas adecuadas de energía.

— Educar, ¿no significa, en último análisis, «sacar de», «extraer de»? Una educación correcta hará del hombre un ente nuevo, un «redimido», en verdad y en amor.

*Per ĉi tiu bela artikolo de nia kara samideano Salvador Gumá, ni enkondukas en nia revuo novan rubrikon kiu, supozeble, estos interesa por niaj legantoj ĉar, laŭ ni tre ofte konstatis, la turismaj aferoj havas en la moderna vivo specialan allogon por ĉiuj kleraj personoj.*

"Ni konu nian landon" *celas, pere de artikoloj verkitaj de elstaraj samideanoj, priskribi la ĉefajn belaĵojn —ĉiamajn vidindaĵojn— de la diversaj provincoj de nia lando. Se ĉi tiu rubriko altiras la atenton kaj meritas la aprobon de niaj karaj legantoj ni restos, do, kontentaj.*



*NI KONU NIAN LANDON*

# NIA ĈARMA TARRAGONA PROVINCO

*Salvador Gumá*

La nuntempa socievoluado ŝajne pelas la homojn for de ilia hejmo, de ilia lando aŭ kontinento. Se oni havas disponeblan monon, oni tuj ekdeziras viziti aliajn urbojn aŭ kuriozaĵojn, kie ajn ili estas. Ankaŭ nia provinco (Tarragono) altiras homojn el ĉiu mondoparto!

Tute prave, ĉar nia provinco, unu el la kvar el kiuj konsistas Katalunujo, havas sian ĉefan limon benatan kaj banatan de Mediteraneo, en loko, kie rimarkinda kvieteco de l' marondoj sorĉe invitas, banas kaj lulas centmilojn da alilandanoj. La milda klimato, nek tro varma nek tro frosta, estas kvazaŭ balzamo por homoj vivantaj en ekstremaj temperaturoj. Kiomfoje ni gapis vidante ilin padelantaj en akvo, dum' vintra sezono!

Se oni ankaŭ ŝatas la montojn, jen ili alte montras la kapon. En rondo de ĉirkaŭ 20 km. oni multon povas ĝui: Ekskursojn al montaroj de Prades kaj Montsant (sankta monto), de kie vidiĝas senfina panoramo; al domaro Ciurana —havanta sian legendon— oficiale nomita «pitoreska pejzaĝo»; al monaĥejoj de Escornalbou, Poblet, Santes Creus, kaj al ruino de Scala Dei, de la 12ª jarcento, apud Falset, famaj pro siaj arto, grandiozeco kaj historio.

En Tarragono, la TARRACO de la romanoj, oni povas admiri imponan gotikan katedralon, la tiel nomatan Arĥeologiân Promenejon (longan je 550 m) de la romana epoko, unika en la mondo, kiu datumas de la 3ª jarcento a.K., kaj kies suba parto estas iberia, de la 4a jc. a. K. Kiom da mirantoj ni vidis antaŭ tiuj ŝtonegoj de la muro! Krom tio, romanaj elfosaĵoj pripensigas la vizitantojn: Romana cirko, romana tombejo... Kiom da vivo, kaj kiom da morto respeguliĝas ankoraŭ! Supre, rigardante la maron, staras muzeo; ĝi estas la romana Pilato-kastelo; kaj tre proksime, meze de tiom da historio, modernega hotelo TARRACO, de sur kiu oni ĝuas nekompareblan vidaĵon.

Alia romana verko, ankoraŭ en bona stato, estas la akvedukto «Ponto de l' Diablo», kies altaj arkaĵoj atestas ke tiam ne ekzistis cementaj tuboj!

De tie, en tiu 20-kilometra rondo troviĝas la malnova urbo REUS, unu el la ĉefaj en Katalunujo, pro siaj viglaj industrio kaj komerco. La prahomoj jam vivis tie, laŭ la specimenoj videblaj en ĝia interesa arĥeologia muzeo. Reus famiĝis pro la famaj homoj en ĝi naskiĝintaj: Fortuny, artpentristo; Gaudí, genia arĥitekto, aŭtoro de la katedralo «La Sagrada Familia» en Barcelono; Folguera, poeto; Bernardo Calvo, sanktulo; Prim, generalo; Bofarull, historiisto; Roseta Mauri, mondkonata dancistino; Robuster, ĉefepiskopo; Llovera, pentristo; Mata, doktoro; Bartrina, filozofo kaj poeto; Frías, doktoro, fondinto en Reus, jam en j.1919 de la unua Instituto de Puerikulturo en Hispanujo.

La ĉefa kulturejo en Reus estas «Centro de Lectura», kie 50.000 voluma biblioteko atestas, ke kleraj homoj deĵoras en la urbo. Ĉu estus maldiskrete diri, ke jam de multaj jaroj prezidas tiun kulturejon nia kara samideano S-ro Aguadé?

Vidindaj estas ankaŭ: En Tortosa, la katedralo de la 13a jc.; en Gandesa, la sanktejo de la Virgen de la Font Calda (Virgulino de la varma fonto); en Montblanch, la Portal de Bascó, la preĝejo de Sankta María (16a jc.), la gotika ponto kaj la monaĥejo de Santa Coloma; en Valls, la preĝejo (16a jc.), la popola biblioteko kaj la Fontoj de Mas Miquel; en Vendrell, la romana Arco de Bará; en vilaĝo Alcover (El Kevir, tio estas La Granda de la araboj), ruino de araba fortreso de la 12a jc.; ne tre konata. Vizitinda estas, je 12 km. de tie, la alta Montreal (reĝa monto), kie preskaŭ senhoma domaro pensigas pri la ŝanĝigoj de la homa vivo. Ĉu la nunaj loĝantoj en urbaj... «vesponestoj» povas imagi la puran aeron, la vastegan horizonton, la grandiozecon de la Naturo ĝueblajn de sur Montreal?

Venu al nia provinco tra Salou, kies fama kaj juniga strando svarmas je internaciaj vizitantoj. De tie, dekstren al Tarragono, fronten al Reus, maldekstren al Cambrils, tipa fiŝista vilaĝo... kun tipa fiŝista manĝejo. Kaj... bonan voĵaĝon kaj pli bonan apetiton!




## XXVa HISPANA JU

ORGANIZITA DE H. E. F. — OKAZON

Adreso de la Organiza Komitato: Sekreta

# ĜENERALA

21a julio, je la 17a horo: Disdonado de dokumentoj.

je la 23a » Interkona vespero ĉe la «Casa de Aragón».

22a » Je la 10a » Solena Meso en la Katedralo; diservos la Episkopa Moŝto, kaj predikos en Esperanto la pastro Antonio Agudo Acuña, Parohestro de Gárgüera (Cáceres).

Je la 12a » Solena malfermo de la Kongreso ĉe la Paranimfo de la Universitato. Ĝenerala fotografado.

Je la 16a » Fakaj Kunvenoj: Laborkunsido de HEJS, Fervojistoj, blinduloj, katolikoj, filatelistoj, k.t.p.

Je la 17,3a » Laborkunsido de la Estraro de HEF kun Grupdelegitoj.

Je la 19,45a » Prelego en hispana lingvo de S-ro Alberto Sánchez.

## BILEA KONGRESO DE ESPERANTO

TA EN VALENCIA, DE LA 21ª ĜIS LA 24ª DE JULIO 1964ª.

iejo de H. E. F.: P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. — ZARAGOZA

# PROGRAMO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| 23a | Julio | Matene: horo: | | Turista perbusa irado tra la urbo vizitante la straton de D-ro Zamenhof, ĉefajn monumentojn, k.t.p. |
| | | Je la 12a | » | Vizito al la «Akvotribunalo», al la «Albufera» kaj «El Saler». |
| | | Je la 16a | » | «Dua junulara oratora konkurso». |
| | | Je la 17,3a | » | Ĝenerala kunveno de H.E.F. |
| 23a | » | Je la 19,45a | horo: | Prelego en Esperanto de S-ro Darío Rodriguez y López Silva. |
| | | Je la 23a | » | Folklora Festo ĉe la «Casa de Aragón». |
| 24a | » | Je la 9a | » | Ekzamenoj |
| | | Je la 10a | » | Kunveno de kunlaborantoj de la informoficejo. |
| | | Je la 12a | » | Solena Fermo de la Kongreso. |
| | | Je la 19,3a | » | Literatura Festo. |
| | | Je la 22a | » | Komuna vespermanĝo. |
| 26a | » | Je la 9,3a | » | Postkongresa ekskurso al Cheste. |

## ✳ *Ni legis por vi...*

L. L. ZAMENHOF: *Fundamento de Esperanto.*—Naŭa eldono kun Enkondukoj Notoj kaj Lingvaj Rimarkoj de D-ro A. ALBAULT.—Esperantaj Francaj Eldonoj, Marmande, 1963.—15,5 × 22 cm.—356 paĝoj.—Prezo: broŝ. 38 kaj bind. 50 steloj.

Tiujn, kiuj dum la lastaj tridek jaroj sekvis la gazetarajn kolokvojn de niaj gramatikistoj, akademianoj kaj lingvo-amatoroj, ĉefe pri -io/-ujo, neologismoj, -ata/-ita k. s., certe primiris la monologismemo kaj fera obstineco de multaj el la intervenintoj: interkonsento eblis, nur kiam ĝi hazarde ekzistis jam antaŭ ol la diversaj pledoj estiĝis! Do ree kaj ree monologado kaj denova enfiksiĝo en la propra vidpunkto! Paradokse tamen ĉiuj pli aŭ malpli sin ŝildis per la *Fundamento* kaj alkroĉiĝis al tiu aŭ alia ĝia ero, ne malofte citante nur laŭ alies citaĵoj, sen samtempa studo de la kunteksto, kaj plurfoje plene miskomprenante regulerojn, por ĉi ties komparo kun nacilingvaj kutimoj, anstataŭ iri al la Ekzercaro kaj al la zamenhofa tradicio. Aldone, por multaj studemuloj, kiuj sin trovis malproksime de grandaj centroj kun bibliotekoj, ne ĉiam estis facile rekte konstati citaĵojn aŭ mem trastudi la tutan *Fundamenton,* pro manko de aĉeteblaj ekzempleroj. Plej ofte oni devis sin kontentigi per konsulto de nur unu el la nacilingvaj partoj, kiuj ĝin konsistigas, sed eĉ tio ne ĉiam eblis!

Antaŭ tiu stato, la Sekretario de la Akademio de Esperanto, D-ro A. Albault, kiun cetere allogas la pradokumentoj de nia Movado kiel etnologon ekzota lando aŭ historiiston pratekstoj, decidis entrepreni la taskon kunigi kaj editori tiun bazan dokumentaron. La laboro estis grandega kaj postulis apartan intelektan staturon, apud scienca kompetenteco kaj skrupula objektiveco. Sed ĝuste tiuj kvalitoj elstare ornamas nian D-ro Albault. La rezultaĵo estas la monumenta eldono kape priskribita.

Post Generala Enkonduka Notico, la editoro antaŭmetas, tre prave!, la tekston de la *Deklaracio pri la Esenco de la Esperantismo* (ankaŭ kun klariga notico), kaj jen ni eniras la kernon de la libro, kiun konsistigas la diversaj partoj de la *Fundamento*: Antaŭparolo, Gramatiko (Franc-, Angla-, German-, Ruskaj Pollingva), Ekzercaro kaj Universala Vortaro. Por senmanka ekzakteco, la *Fundamento* aperas fotokopiita de la 1.ª eldono. Al ĉio ĉi tio la editoro aldonis la postajn Akademiajn Korektojn al la Universala Vortaro. Fine, kvazaŭ resume, D-ro Albault donas Planon kaj Notojn pri la Antaŭparolo, Komparan tekston de la Kvinlingva Fundamenta Gramatiko (en Esperanto, kaj tial unu el la plej dankindaj faroj de la editoro, ĉar tiel nia Gramatiko estas ekde nun klare alirebla al tiuj, kiuj ne povas rekte trastudi la kvin nacilingvajn), Enhavon de la Ekzercaro kaj Lingvajn Rimarkigojn. Bona Bibliografio kronas la laboron. Por nete apartigi la *Fundamenton* disde la komentoj de la editoro, la eldonisto presigis la *Fundamenton* sur blanka papero kaj la komentojn sur pale flava. Tiel do ekde nun, same al fakulo kiel al laiko, la *Fundamento* estas ne nur tre facile alirebla, sed science kaj zorge prezentita. Bona referencara aparato ebligas rapidan konsulton pri kiu ajn ero.

Pri la gravo de la *Fundamento,* pri ĝia signifo por nia unueco kaj por nia progresado, jam tute klare dekretis la *Bulonja Deklaracio,* kaj kvankam ignorado de tiu *Deklaracio* ne estas malofta ĵo, tamen tio nenion deprenas de ĝia devigeco. Espereble do, per sia science serena elmeto, ĉi tiu eldono multe kunhelpos al la envojiĝo de elorbitigitaj pozicioj, al la trankviliĝo, al la malpliakriĝo de misestigitaj streĉitecoj. Espereble, same, ĝi pozitive kunhelpos transigi la ĝisdatan monologismeman obstinadon de kelkaj rondoj en apertan kaj honestan dialogon kun Zamenhof kaj en elkomprenon pri la genieco, kiun konsistigis la kvazaŭdogma leĝigo de la *Fundamento.* Ĉar ja, kiel diras la editoro, dum «la cetero eble povos fluktui laŭ paso de l' jaroj», ĝi estas la parto de nia lingva tradicio, «kiun ni ne povas forigi ne detruante ĉion».

Al D-ro Albault kaj al Esperantaj Francaj Eldonoj (en la persono de ties direktoro S-ro A. Ribot) Esperantujo ŝuldas grandan dankon, kaj mi kun ekzalta entuziasmo rekomendas ĉi tiun unike gravan libron, kiun neniu serioza kulturanto de nia lingvo povas ignori.

J. REGULO



## Niaj pioniroj...

# José Casanovas Genover, Pbro.

Prezenti al la legantoj nian ĉiesestimatan kaj altestaran samideanon, Presbitero José Casanovas Genover, estas ja tute nenecese. Li, nelacigebla ĉeestanto de ĉiuj niaj kongresoj estas sufiĉe konata de ĉiuj hispanaj esperantistoj por bezoni nian prezenton. Estante brila kaj kapabloplena religia oratoro, multfoje mirigis nin el la predikejo dum la diservoj de niaj Esperanto-Kongresoj. Ni, la esperantistoj, ne devas forgesi kiom ŝuldaj ni estas al li; venas nun la horo en kiu ni devas pensi tre serioze pri decan omaĝon al li. La karaktero de ĉi tiu raporto nur permesas sugeston kiu estas nura reeĥo de pli aŭtoritataj opinioj, do, la Kongreso havas nun la parolon.

Pastro Casanovas naskiĝis en Armentera, urbeto en la centro de la Empordana ebenaĵo, la 23an de februaro 1884a. Li estis profesoro de latina lingvo en la Seminario dum 50 jaroj, 1909-1959. Poste li restis kiel honora profesoro. La titolon de Profesoro de Esperanto li atingis la jaron 1913an en Kongresa Ekzameno de Kataluna Esperanto-Federacio en la provinca urbo Olot. Li profesoris multajn Esperanto kursojn en Gerono, kaj eĉ realigis, helpe de la loka grupo «Gerona Espero» la IXan Kongreson de K.E.F. la jaron 1921an, samtempe kun la gastigado de 93 aŭstriaj geinfanoj 10-14 jaraĝaj en lia provinco per la gastiga entrepreno proponita de la «Patronado» starigita en Zaragoza, sub la prezido efektiva de nia tre bedaŭrata kaj tre memorinda advokato Emilio Gastón Ugarte, patro de la nuna Sekretariino de H. E. F. Inés Gastón kaj avo de la membro de nia Redakcia komitato Emilio Gastón Sanz.

La eksplodo de la unua mondmilito surprizis lin, kune kun multaj aliaj, en Parizo la saman tagon kiam devis malfermiĝi la Xa Universala Kongreso de Esperanto. Antaŭ nia civila milito li ĉeestis la Kongresojn de K.E.F. kaj kelkajn eksterlandajn. Poste li ĉeestis ĉiujn Kongresojn de H.E.F. en kiuj li predikis dum la koncerna Diservo. Jen notindaĵo: En la unua Barcelona Kongreso -1956a- li benis geedziĝon esperantlingve, ĉar la geedzoj, diversnaciaj, ne povis sin interkompreni alie ol per Esperanto.

Finfine, li jam plenumis sian 80 jaran aĝon kaj, laŭ li mem rakontas «danke al Dio, kun sufiĉe kontentiga sano, malgraŭ kelkaj ne gravaj afekcioj.»

Post ĉi tiu mallonga skizo pri lia Esperantista vivo, ni faras al nia samideano la jenajn demandojn:

1. —*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

En Gerono mem, la jaron 1911an kiam, profesoro de la Seminario, mi estis jam studinta la francan lingvon kaj eĉ iom la anglan, kiujn mi preskaŭ forlasis kiam konstatis la egan facilecon kaj logikecon de Esperanto kompare kun la fremdaj lingvoj.

2. —*Kiu estis la ĉefa faktoro kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Min instigis lerni Esperanton la deziro rilatiĝi kun fremduloj, viziti aliajn landojn kaj ĉeesti internaciajn kongresojn, por konstati la praktikecon de la lingvo, kio, ja plene el pruvita, konfirmis mian deziron ne nur ellerni kaj instrui la lingvon sed ankaŭ pledi konstante por la interna ideo rekomendata de Zamenhof.

3. — *Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de Internacia helpa lingvo?*

La ĉefa celo, sinteze dirite, estas kunligi la korojn de ĉiuj bonvolaj homoj per plej direkta kunligado de la mensoj, aŭ per direkta kaj facilega interkompreniĝo.

La facila kaj tute sendependa komprenilo lingva estas sendube unu el la plej efikecaj vojoj al interhoma amo.

4. — *Kion vi -spertulo- konsilus fari al la esperantista aro por pliviglígi kaj pligrandigi nian movadon?*

Du personaj kondiĉoj sufiĉas kaj necesas por tiu ŝatinda entrepreno: mensa kapableco kaj entuziasmo. La fervoro, mense kontrolata, inspiros aŭ sugestos la taŭgajn entreprenojn trafe al tia celo.

5. — *Post via longa vivo Esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntepaj Esperantistoj?*

Mia plej taŭga mesaĝo estus, mi kredas, la sperto de mia propra esperanta vivo. Mia por- kaj proesperanta agado, laŭ homa vidpunkto, okazigis al mi la plej nombrajn kaj emociajn ĝojojn en la vivo; tiamaniere ke eĉ nuntempe mi sentas min feliĉa nur memorante la ĝuojn, kiujn mi gustumis ĉu en vojaĝoj, ĉu en kongresoj, ĉu en personaj entreprenoj pere de nia ŝatindega lingvo internacia. Kiam mi estis en malliberejo dum nia civila milito, multfoje mi asertis al milicanoj, kiuj iaokaze rilatiĝis kun mi, ke mi estas kontentege sata de mia vivado; ke mi estas jam vidinta en la mondo ĉion, kion mi deziris (precipe pere de Esperanto), kaj tial mi nek timas jam la morton, nek rifuzas daŭre vivi, ĉar la vivo estas por mi ankoraŭ gaja.

---

**Literatura Konkurso**

# *Luis Hernández*

= VERDIKTO =

Trimembra internacia komisiono tralegis la prezentitajn verkojn kaj donis la jenan rezultaton:

UNUA PREMIO:

"La Unua Peko", de Gabriel Mora Arana, el Manresa (Hispanio)

DUA PREMIO:

"Antikvaĵoj", de Salvador Gumá, el Reus (Hispanio)

Valencia, 1964

Saldanha Carreira
Lisboa (PORTUGALIO)

J. Régulo Pérez
La Laguna (KANARIAJ INSULOJ)

Ferenc Szilágyi
Boräs (SVEDIO)

---

# ESPERANTO ESTAS FACILA LINGVO, SED...

*E. Tudela*

La eminenta samideano Delfi Dalmau en la oktobra numero de «Boletín» de 1963a, pritraktis gravajn aferojn.

Unue li miras pri la korekta kaj pura Esperanto de niaj pioniroj Pujulá, Bremón, Inglada, k. a. malgraŭ ke mankis vastaj gramatikoj kaj vortaroj de nia lingvo. Li pravas, kaj jen pruvo de tia aserto:

Multaj el vi scias, ke la 5a Universala Kongreso okazis en Barcelono en 1909a, kaj, ke, pro ne normalaj cirkonstancoj la Kongreso ne finiĝis tie, sed en Valencio, t. e., ke en tiu lasta urbo okazis Postkongreso, dum kiu la altranga samideano Inglada, plurfoje, alparolis la ĉeestantojn, kaj la pura, kaj korekta, kaj flua, kaj eleganta Esperanto de Inglada tiel impresis l Majstron ke emocie li diris: Ŝajne mi kreis Esperanton por ke Inglada uzu ĝin.

Verdire, estas admirinde, ke sen abunda studmaterialo tiamaj samideanoj profunde lernis la Zamenhofan lingvon.

Tiurilate, Prof. Rudolf Rakuŝa dum pedagogia semajno okazinta en Jugoslavio en 1957a diris: Zamenhof estis konvinkita, ke por ellerni Esperanton sufiĉas la Fundamento, t. e. la 16-regula gramatiko, kaj la Ekzercaro kaj la Vortaro.

Estas vere, ke granda parto de eminentaj esperantistoj ellernis nian lingvon pere de Fundamento, sed ni ne forgesu, ke ili estis homoj instruitaj, kleraj kaj entuziasmoplenaj. Mi kuraĝas aserti —daŭrigis Rakuŝa— ke ankaŭ nun ĉiuj vere bonaj esperantistoj estas aŭ homoj kun plej alta grado de instruiteco, aŭ homoj kun lingva talento. Por la aliaj la instruado —ankaŭ la plej bona— tro frue ĉesas, kaj la rezulto estas konata.

Tio ne estas atako kontraŭ Esperanto, sed kontraŭ la en Esperantujo disvastigita falsa opinio, ke Esperanto estas por ĉiu homo ellernebla en kelkaj monatoj. Nur la kursgvidantoj, kiuj instruas sub kontrolo en klaso, kie troviĝas bonaj kaj malbonaj lernantoj, povas diri, kiom da tempo ili bezonas por atingi la starigitan celon.

Feliĉe tia erariga propagando estas farita nur buŝe, do, ŝajne, ne ekzistas en Esperantujo trompaj lernolibroj, kaj ankaŭ ne la revuoj propagandas pri rapidkursoj, samkiel okazas kiam ili temas pri mondlingvoj. Krome mi devos akcenti —diris ankaŭ Rakuŝa— ke eĉ la plej malgranda lernolibro povas, kune kun bona vortaro doni al fervora kaj persista lernanto scion, kiu kapabligas lin enpenetri en la esperantan literaturon kaj fariĝi bona esperantisto.

Ĉiu lernolibro de Esperanto povas esti utila se nur la lingvo estas korekta, kaj se la aŭtoro ne promesos esperantigon en mallonga tempo.

Due, samideano Dalmau aludas la kapablegajn samideanojn, kiuj povus korekti bultenojn kaj librojn, k. c.

La korektado de manuskriptoj de publikigotaj libroj estas tikla afero, kium mi ne tuŝas. La korektado de la enhavo de «bultenoj» estas gravega afero, nepre kaj serioze traktenda, do la respondeco de la Redaktoro aŭ ĉefredaktisto de ĉiu Revuo estas enorma.

Ordinare, oni legas en revuoj la jenon: Pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem. Certe, sed nur parte, t. e. pri la ideo, pri la afero traktata, jes, respondecas la aŭtoroj, sed pri la pli-malpli korekta Esperanto —mi modeste opinias— responde cas ankaŭ la redaktoro, ĉar la Revuoj krom ke amuzaj, kaj informaj estas instruaj, kaj bedaŭrinde, tre ofte la aŭtoroj de artikoloj ne ellernis kaj ne dominas la lingvon kaj vole nevole enŝoviĝas en la verkaĵojn la plej malkorektaj, kaj maltrafaj, kaj sekve erarigaj vortoj, kiujn la legontoj asimilas kaj aldonos al sia vorttrezoro.

Mi kredas, ke la Redaktoro ricevinte publikigaĵojn kun malkorektaĵoj rajtas atentigi la sendinton pri ili, por ke li korektu ilin, aŭ milde kaj respektplene informi lin pri pli korektaj terminoj.

Ŝajnas al mi ke la aŭtoro de la sendaĵo ne koleriĝos, sed, male, li restos danka, ĉar nenia homa faritaĵo estas perfekta kaj ofte eĉ tiu de eminentulo bezonas korekton.

Kaj mi finas samkiel Dalmaŭ: Pardonu via redaktora Moŝto, se mi atentigis vin.

# AMIKO DE L'ESPERANTO

## La majstro Johano Manén, virtuoza violonisto

JAIME ARAGAY

La pasintan januaron okazis en Barcelono ago tre simpla sed kiu enhavas, laŭ nia modesta opinio, gravan muzikan signifon:

La eminenta violonisto Johano Manén donacis sian violonon al Muzika Muzeo en Barcelono. Akceptis la instrumenton S-ro J. Ricart Matas, kiu kiel kreinto kaj direktoro de la menciita muzeo longtempe laboradis por ke nia grafa urbo posedu tian specifan kulturan institucion.

Se tiu muzikilo povus paroli, kiom da ĉiuspecaj travivaĵoj ĝi emocie rakontus al ni! Sed, kial ne imagi ke ĝi tion faras iomete? Ankaŭ la aĵoj havas siajn rajtojn. Ĉu vere geamikoj? Tiel do, ni aŭskultu ĝin:

«Mi debutis kun la juna majstro kiam li inaŭguris sian violonistan karieron la 9-an de novembro de 1904, okaze de la sensacia koncerto en la salono de la «Hochschule» en Berlino. Pere de mi, li magie koncertadis tra la tuta mondo. Lia virtuoza stilo, tre brila kaj tre persona, estis aplaŭdata dum la longa koncertista vivo de l'artisto antaŭ diversa kaj heterogena publiko, kiu sciis ĝuste taksi lian mirindan arton, lian nuancplenan interpretadon de la plej originalaj kaj malfacilaj violonecaj paĝoj.

«Spite de mia ignorita deveno-ĉar mia konstruisto estas anonima-, miaj eksterordinaraj kvalitoj multe helpis lin por ke li plene sukcesu, kiel tre saĝe diris iufoje, muzika kritikisto okaze de alia transcenda koncerto en Londono, urbo en kiu li multfoje violonis.»

«Malgraŭ lia propra aserto, t. e., ke li ne estis mirindinfano, pruvo de lia modesteco, estas sciate ke li deinfane jam forte impresis la aŭskultintaron, ne nur pro sia impona kaj matura personeco sed ankaŭ pro sia muzika sentemeco.»

Post la pravaj opinioj de la violono, ni devas aldoni la jenon:

La donaco de la instrumento al Muzika Muzeo montras tute klare lian ekstreman ĝentilecon; esprimas lian sinceran amon al Barcelono. Tial la majstro Manén, altranga artisto decidis ke sia karega violono kuŝu sur la breto de vitrino de la Barcelona muzikejo por la publika admiro. Tiamaniere ĝi ne riskos esti forgesita en kie ajn domangulo, ĉar ĝi estis, krom lia plej kara interpretilo, ankaŭ vera juvelo kaj muzika trezoro.

Kvankam ni sincere dankas lian rimarkindan personan trajton, ni ne povas ne profunde bedaŭri ke la rava arĉo de lia violono ne plu ludu sur ties kordoj, kies milda, velura, aŭ potenca sonoreco, laŭ postuloj de la muzikaĵoj, vibrigis nian spiriton kiam ni havis la neoftan privilegion aŭskulti lin. Pro tio hodiaŭ, ni profitante la okazon de lia memvola eksiĝo, kiel fama violonisto, tutkore gratulas lin pri lia tre longega kaj sukcesplena violonkoncertado.

Samtempe ni esperas ke Barcelono, urbo kiun ĉiam honoris Johano Manén per sia noblega arto, scios adekvate korespondi kiel li bone meritas.

Fine, ni kiel esperantistoj denove gratulas lin pro liaj kuraĝaj kaj saĝaj artikoloj, favoraj al Esperanto, aperintaj de tempo al tempo en la prestiĝa ĵurnalo «LA VANGUARDIA ESPAÑOLA».

Ke li vivu ankoraŭ tre longe por ke li povu sin doni intense al la muzika kreado, fako en kiu li okupas honoran kaj privilegian lokon.

---

Ni petas al niaj afablaj kunlaborantoj ke ili sendu siajn artikolojn tajpitaj sur ordinara nestrekita papero kaj duobla interlinio en la teksto. Al la artikoloj verkitaj en Esperanto oni nepre aldonu la koncernan tradukon hispanan. Ĉian materialon por «BOLETIN» bonvole sendu rekte al la Sekretariejo de HEF.

*NOVA ESTRARO:*

D. Miguel Cazorla, secretario del grupo esperantista «Hispana Esperanto Aŭroro, nos comunica que en sesión de 31 de enero del corriente año, y con el beneplácito de todos sus asociados, se ha constituido una nueva Junta Directiva, que queda ahora integrada por los siguientes señores:

Presidente: D. Angel Figuerola Auque (Madrid).
Vicepresidente: D. Mariano Izaola Martínez (Bilbao).
Secretario: D. Miguel Cazorla Vela (Vélez Málaga).
Vicesecretario: D. José Tormo Cisternes (Villena).
Tesorero: D. Timoteo Rodríguez Aguilar (Valencia).



## Anoncetoj

HISPANIO. — Apartado, 875, Barcelona, Sro. Evaristo Gil.—Filatelaĵoj Esperantaj (p. m. poŝtstampoj) aĉetas kaj interŝanĝas.

JAPANIO. — 323 Minami Iida, Oyama City Tochigi ken, Sro. Yaeko Thiku. Deziras korespondi kun gelernantoj pri lernejo.

BULGARIO. — Str. Vasil Kolarov, 15, Svilengrau, S-ro Kosta Tringov. — Deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

POLLANDO. — Poŝt-kesto 108, Kolobrzeg, Sro. Witold Mazurkiewicz. — Tridekjaraĝa konstruisto deziras korespondi pri diverstemoj kaj interŝanĝi vidaĵkartojn, gramofondiskojn kaj arkitekturpublikaĵojn.

FRANCIO. — K-177. — R. PH. Lebesque. — Amiens (Somme) S-ro. Pierre Landard. — Franca hispanista interesata pri lingvistiko (planlinqvoj, Esperanto. Nuntempaj hispana kaj franca linqvoj kaj sociaj temoj deziras korespondi kun saminteresul (in)o.

## RUEGO A NUESTROS LECTORES

Es un hecho de todos conocido que son numerosos los esperantistas españoles que por una u otra razón —si es que en realidad hay alguna razón que no sea simple negligencia por parte de todos— no pertenecen todavía a la Federación Esperantista Española.

Siendo deseo y propósito de H. E. F. iniciar una amplia campaña de publicidad —cuyo desarrollo está en estudio— en favor de la difusión de nuestra lengua auxiliar y siendo objetivo previo el integrar en el seno de H. E. F. a aquellos esperantistas que aun no sean miembros de la misma, hemos preparado una hoja informativa en la que de una manera sucinta se describen algunas de las actividades de nuestra Federación.

Rogamos, pues, a nuestros lectores coadyuven en la distribución de esta hoja, que pueden solicitar a nuestra secretaría, indicando el número de ejemplares que se desea recibir.

Esperamos el entusiasta apoyo de todos.

# MALVARMA MILITO

M. de Elezcano.

BILBAO

Malvarma milito! Altrudo sarkasma!
Kiel estas eble viv' sen sekuro
Se celo de paco nur ŝajnas fantasma
Problemo de homa buĉad-aventuro?

......

Diskutas la homoj, kaj amon rifuzas,
Ĉar pro la orgojlo flosdrivas la sento,
Kaj konsci' forsvenas, kaj venĝon, ĝin uzas
L' ideo malema de frata konsento.

......

La Statoj, obstine venas al batalo;
Insistas malarmi per vortoj timigaj
Unu la alian, kaj jen la fatalo,
Ĉar ĉio rezultas minacoj ridigaj.

......

La homojn kaptpremis sensenca blindeco,
Ĉar neas obtuze kun stulta rifuzo,
La vortojn de Kristo pri homa frateco,
Kaj tial, homaro vivas en konfuzo.

......

Lertegaj saĝuloj per agoj konstantaj
Elpensas rimedojn por savi personojn
De multaj malsanoj al hom' atakantaj,
Kaj montras kun tio, bonkorajn rezonojn.
Aliaj saĝuloj, —ho!, estas hororo!—,
Verŝajne deziras ekstermon sen laco,
Ĉar morton de gentoj de ĉiu koloro,
Avidas kun gasoj kaj bomboj, sen paco.

......

—Ĉu tio estas viv', aŭ morto angora?,
Kiu estas kulpa de tiu malordo?,
Ĝis kiam la ĝemo kun timo rigora
Torturos homaron ĉar mankas akordo

......

Se materialism' regadas sur tero,
Kaj nur subpremadi estas ja inklino
De mondo, ĝi multe pli ŝajnas infero,
Ol vojo feliĉa al ĉiela fino.

Tip. C. Boloix - Armas, 72 - Zaragoza D. L. Z - 375 - 63